# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 27/06/2015 Ducent dudektria eldono 27/06/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn.

EFNSK represos la ŝlosilon. Ĉu estas eraretoj, kiujn ni bezonos korekti? Ĉu aktualigi ĝin per informoj pri Duolingo ekzemple?

**HELPU!** Sendu mesaĝon al mi rspring@tpg.com.au kun viaj sugestoj.

Memoru, la celo estas propaganda libreto ne instru-libreto.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

# 76. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## La Korelativoj. Ĉ.

Pro naturaj kaŭzoj ili povas ricevi limigitajn aldonojn aŭ neniun. "iu kaj ia kaj io k.t.p." povas ricevi la pluralon kaj la akuzativon: "Mi ne ŝatas tiajn sportojn". "ie, k.t.p." povas ricevi la akuzativon: "Ne iru tien". "ies, k.t.p." ne povas ricevi ion ajn. Nur "ie, iam, ial, iel, kaj iom, k.t.p." povas ricevi kategorian finaĵon: "La tiea preĝejo; La tialo de la vizito, La jarkunveno tiamos". Kelkaj eĉ ricevas kromradikon: "iomete; tielumi, iufoje, tiuflanka". Notu ke la monstraĵo "ĉiesulino" ne eblas.

La naŭ "nudaj" korelativoj, "io, ie, k.t.p." estas nedifinaj; la naŭ t-korelativoj, "tiu, tiam, k.t.p" estas indikaj, la ĉ-korelativoj, "ĉio, ĉiel, k.t.p." estas tutinkluzivaj, la nen-korelativoj, "neniom, k.t.p." estas tutekskluzivaj, kaj la k-korelativoj , "kia, kial, k.t.p.", estas KAJ demandaj KAJ rilataj. Sekvota. Marcel Leereveld.

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2015-06-11 AEA raportas:

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 2-an de julio 2015, je la 19:00 (18:30) (Poste 3/9, 10/9, 24/9, 8/10, 22/10, 5/11,19/11, 3/12, 17/12)



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;
Tri vizitantoj el Koreio 3an ĝis 6a de aŭgusto. Vidu AE 222 por detaloj. Ĉu vi povus helpi ilin?

## Nia moderna mondo






Sendis Peter Weide
16 bildoj
Vidu estontajn AEojn



# 3ZZZ Melburno

# Eĥo de 3ZZZ





Ĉu vi konas Serge Sire? Se ne, eblas konatiĝi kun franca verkisto, desegnisto, pentristo, muzikisto  pere de la intervjuo disaŭdigita en la Esperanto programo de 3ZZZ la 22an de junio 2015.
Eblas ĝin aŭdi ĝis lundo la 29a de junio en la retejo de 3ZZZ :
www.3ZZZ.com.au  aŭ kiam ajn vi deziras irante al la arkivejo
www.esperanto.com.au
Esperante ke vi ĝuos la aŭskultadon
La kunvokanto por la Esperanto grupo en 3ZZZ       Franciska Toubale

★★★★

Kun intereso legis mi la kontribuon de Jennifer Bishop en la Aŭstraliaj Esperantistoj 222.
Mi ja anoncis en mia raporto kiel kunvokanto por la grupo en 3ZZZ ke 36 membroj rajtis ĉeesti la jarkunvenon ĉar la grupo enhavis 36 pagintajn membrojn la 21an de majo kiam la kasisto faris la liston. Tiu nombro estas sub la nepra nombro de 40 por ĉiu horo da programo, do unuavide estas risko perdi la eblecon elsendi. Tamen al tiu informo necesas aldoni nuancojn. Kiel mi sciigis en mia raporto, la respondeculino pri membreco feriis en majo kaj malsaniĝis la unuan semajnon de junio. Dum ŝia foresto neniu faris ŝian laboron. La rezulto estas ke la membroj ne ricevis memorigilon pri la dato kiam ilia membreco finiĝis. Kvankam kelkaj renovigis sian membrecon tuj post kiam mi informis ilin, la listo ne estis ĝisdatigita.
Mia sperto instruis min ke ĝenerala alvoko ne estas tre efika. Ĉiu opinias ke temas pri iu alia. Prefere tiuj, kiuj konsideras kiel sian devon agi tiel ke la grupo konservu la petitan nombron de membroj, kontaktu rekte kaj individue la amikojn kaj konatulojn, kiuj pretervidis la finon de sia membriĝo aŭ kiuj ankoraŭ ne konas la Esperanto-programon. Mi estas ĉiam preta provizi la liston.
La sistemo faras la taskon malfacila. Tagon post tago la nombro de membroj  ŝanĝiĝas ĉar la membreco komenciĝas kaj finiĝas je la tago de la pago. Pro tio necesas ke estu ĉiam iom pli ol la nepra nombro.
Por aliĝi **ne** iru al la menciita retejo,  tio estas eraro. Iru al www.3ZZZ.com.au aŭ sendu ĉekon por $10( emeritoj)  aŭ $15 al radio 3ZZZ Esperanto programo
PO Box 1106 Collingwood Vic 3066
Nome de la teamo mi antaŭdankas ĉiun , kiu interesiĝas pri nia elsendo kaj/aŭ aŭskultas ĝin.
La kunvokanto por la Esperanto programo en 3ZZZ
Franciska Toubale



# Esperanto Kafo-Klubo de Kanbero

EKKK translokiĝis kaj ŝanĝis la kunven-tempon. Ni nun kunvenas en la Pancake Parlour, 122 Alinga St., Civic je la 5:00 ptm ĵaŭde. Telefonu Huigh (6288 4334) se vi intencas viziti ĉar eble estos ferio dum ni estas eksterlande en julio.



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10 a.t.m.
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Venis la 16an de majo la 6 Esperantistoj: Steven, John, Jano, Eunice, Chris, Roger. La bonaj amikoj ĝuis Esperantujeton. Interesa loko. Ĉiuj konversaciis Esperante pri multaj temoj.

# INTERRETA TV-ELSENDO pri la malfermo de la UK

Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

## INTERRETA TV-ELSENDO pri la malfermo de la UK en Lille, Francio!




La unuan fojon en la historio de la Esperanto-movado, estos eblo spekti la solenan malfermon de la Universala Kongreso de Esperanto per interreto. LKK de la UK provos filmi kaj interrete elsendi la solenan eventon. Ĉar tia elsendo okazos la unuan fojon kaj mankas ankoraŭ spertoj pri la realigo, povas aperi diversaj teknikaj problemoj – kvankam oni kompreneble klopodas solvi kaj eviti ilin.
La rekta adreso por spektado estos dissendata per retpoŝto al la dezirantoj, kiuj registras sian retadreson ĉe la paĝo http://blog-bilinguisme.fr/produits/uk2015malfermo/
La solena inaŭguro de la Universala Kongreso komenciĝos je la 10-a horo la 26-an de julio! – (8 hora diferenco, en Sidnejo jam estos la 18:00 horo) Detalaj informoj pri la UK estas troveblaj ĉe: http://uea.org/kongresoj/
L. Szilvási / Ret-Info (Fonto: LKK de UK, Cyrille Hurstel)






Intertempe jam estas pli ol 36 000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo. Ĉu vi scivolemas kies voĉon vi aŭdas en la kurso? Ĝi estas la voĉo de Franco: Francis Soghomonian. Li ne nur kapablas tre bele elparoli Esperanton, sed li ankaŭ kantas en Esperanto
https://www.youtube.com/watch?v=OhZmgxxb0mk Amike, Nicole

# Nova Libro




Josip Pleadin informis nin:

"En julio 2015 ĉe Dokumenta Esperanto-Centro en Đurđevac (Kroatio) aperos la libro de Tibor Sekelj "Tra la lando de kanguruoj", konsistanta el 15 rakontoj pri lia vojaĝo tra Aŭstralio kaj Nov-Zelando en 1970-1971. Super ĝi laboris 13 tradukantoj kaj 3 provlegantoj el 6 landoj, kaj per sia financa subteno la eldonon ebligis aŭstraliaj esperantistoj."

Amike, Nicole

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 194 | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | ■ | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas

**RENVERSI**

1. Transmeti la supran parton de objekto tien, kie estis la malsupra:
Foje sur la kesto aŭ pakaĵo eblas vidi surskribon "Ne renversi!".
Nia boato renversiĝis sur la rivero.
2. Faligi iun aŭ ion starantan:
Mi hazarde renversis la glason.
En la kafejo mi devis pagi por la renverso de taso.
3. Ruinigi, detrui, ekstermi:
Mi volus renversi la nunan ministraron.
Oni longe parolis pri renverso de la prezidento.
Politikaj manovroj kutime estas renversemaj.